# INTERNACIA FERVOJISTO




40a jaro N-ro 2 1988



La stacidomo de Perpignan, urbo de la 40a IFEF-kongreso.

## REDAKTORA BABILO

Denove la sorto kruele batis nin per la forpreno de du eminentaj pioniroj: Otto Walder kaj Ingvard Kensing. Legu niajn mizerajn honorvortojn sur paĝoj 31 kaj 32.

Nia 40a - jubilea - IFEF-kongreso alproksimiĝas kaj provizora programo troviĝas sur paĝo 20. Horartabeloj ankaŭ legeblas, do tuj informiĝu, decidu, aliĝu kaj venu!

Tagordoj, jarraportoj kaj kongresproponoj plenigas plurajn paĝojn, ja - apenaŭ estis loko por aliaj gravaj informoj.

Pluraj raportoj kaj artikoletoj devas atendi publikigon ĝis la venonta numero, kies redaktofinon ni pro la ĉijara nemaja kongreso povis ŝovi ĝis la 10a de aprilo.

Tra la redakteja fenestro videblas la ankoraŭ ripozanta printempo. Ni esperu, ke tio validas ne nur por la naturo, sed ankaŭ por niaj streboj.

Ni almenaŭ agu ĉiu laŭ siaj ebloj por antaŭenigi nian noblan laboron kaj alproksimigi nian celon.

Bonan kaj agadoplenan printempon (al la norda hemisfero) kaj same agadoplenan aŭtunon en la sudo!

red.



## ĈAPOKOLEKTADO

Magistro Janusz Fortuński en Opole, Pollando, kolektas fervojajn ĉapojn (vidu eventuale la "peton" sur paĝo 31 de IF 2/87).

Li rakontas, ke nun li posedas 30 ĉapojn el 20 landoj, kaj ke la kolekto daŭre kreskas. Li deziras direkti koran dankon al tiuj kolegoj, kiuj helpis al li kolekti.

Loka gazeto raportis pri la kolektado: "Janusz Fortuński ofice estas vicĉefo de lokomotivejo en Opole kaj en privata vivo de 7 jaroj esperantisto kaj aktive agas en la movado. Dank'al esperantaj kontaktoj kaj vojaĝoj tra Eŭropo li ĉiam revenis kun nova fervojista ĉapo. Li povas fieri pri la plej granda kolekto de ĉapoj en Pollando. Plej "valora" ĉapo estas tiu de angla lokomotivestro kaj tiu de ĉina fervojisto."

**INTERNACIA FERVOJISTO**

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

**Redakcio:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst.

**Dana poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.

**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.




## 40A IFEF-KONGRESO

**PERPIGNAN - FRANCIO**

**4.-11.JUNIO 1988**

**Adreso: 40a IFEF-kongreso**
**AFCE 1bis, Rue d'Athenes**
**F-75009 PARIS**
**Poŝta konto: 52 14 35 H PARIS**

## PRI LA 40A IFEF-KONGRESO

Je la 1a de februaro alvenis ĉe FFEA/AFCE preskaŭ 500 aliĝoj.

NE ATENDU la lastan minuton por aliĝi, ĉar ni devas rezervi la hotelojn 2 monatojn antaŭ la kongreso pri la ĝusta nombro da ĉambroj menditaj.

Aliĝante malfrue, vi loĝos pli malproksime de la kongresejo, aŭ en pli kosta kategorio. Ankaŭ pri la bankedo, la tagmanĝoj en la kongresejo ni devas informi tre baldaŭ la restoraciomastron.

Multnombraj estas niaj amikoj el orientaj landoj, kiuj intencas viziti la 40an IFEF-kongreson. Ni kunigos niajn fortojn por ke ili sukcesu veni al ni.

* * *

NOTINDE: Krom la bankedo kaj la balo ĉiuj aranĝoj okazos en la kongresejo.

La akceptejo funkcios en la stacidomo de Perpignan vendrede kaj sabate, de la 7a ĝis la 24a horo.

LKK

* * *

**PRI LA POST-KONGRESO EN ANDORO**

Pli ol 120 kongresontoj aliĝis. Ili ricevis komence de februaro sian post-kongresan numeron. Tuj post sendo de la sumo: 700 FF (aŭ 800 FF por tiuj, kiuj deziras distriĝi dum la "flamenca" vespero kaj la sekva balo), ili ricevos sian postkongresan karton. Kiuj jam ĝiris la sumon: 700 FF povos pagi por la distra vespero surloke.

La celoj de la du ekskursoj estas:

. LA TRI VALOJ: Vallés d'Ordino, Vallée d'Arinsal, Vallée de Pal. Belaj montaraj vilaĝoj kaj kapeloj riĉaj pri Romana Arto. En Ordino, ebla vizito de Muzeo pri Tradicioj (Casa Pladoli).

. OS DE CIVIS. Hispana vilaĝo tipa kiun oni atingas nur tra Andoro. Panoramo kaj situo rimarkindaj.

Belega dokumentaro estas en preparo.

-

Ni antaŭvidis grupon de 60 kongresanoj. Pro la pli granda nombro da interesitoj, ni akceptos DU grupojn. Ĉiu grupo loĝos en aparta hotelo (samkategoria). En la sama (INTERNACIA HOTELO) ĉiuj tag/vespermanĝos. Kompreneble la du hoteloj apudas. Ĉio estas preparita por ke la postkongresanoj estu kontentaj pri tiu pludaŭra kunvivado en esperanta medio.

P.R.




Palaco de Kongresoj, Perpignan

# PROVIZORA KONGRESA PROGRAMO



| | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Vendredo 3.6.88 | Akceptejo en la stacidomo | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sabato 4.6.88 | | LKK estraro | | | | | | Gazet. konf. | | | | Interkona vespero | | | | | |
| Dimanĉo 5.6.88 | | Solena inaŭguro | | fot-ado | | | | urba vizito | | | | | Kultura vespero | | | | |
| Lundo 6.6.88 | Komitatkunsido nepublika | | | Rezervita | | Duontaga ekskurso al la or-arĝenta marbordo | | | | | | | Folklora vespero | | | | |
| Mardo 7.6.88 | | Unua plenkunsido | | | | Fakprelega Komisiono | | Terminara Komisiono | | | | Bankedo | | Balo | | | |
| Merkredo 8.6.88 | | Tuttaga ekskurso en la lando de la kataristoj | | | | | | | | | | Libera vespero | | | | | |
| Ĵaŭdo 9.6.88 | | Dua plenkunsido | | | | Redakt. kunveno | | Fakprelego | | Aktual-aĵoj | Filmoj | Libera vespero | | | | | |
| Vendredo 10.6.88 | T.K. Movadaj aferoj | Vizito de ferv. instalaĵoj | | | | Duontaga ekskurso al "Conflant" | | | | | | Solena fermo | | | | | |
| Sabato 11.6.88 | | - Disiĝo - | | | Ekveturo al Andoro de la postkongresanoj | | | | | | | | | | | | |

Noto: Akceptejo en la stacidomo vendrede kaj sabate. Ciuj aranĝoj krom la bankedo kaj la balo okazas en la kongresejo. P.R.

**JEN KELKAJ HORAROJ POR ATINGI PERPIGNAN POR PROGRAMI VIAN VOJAĜON**

1° Vi legos la n-rojn de la trajnoj kaj
2° la alvenhorojn en la stacidomo de Perpignan.

1. El BRÜSSEL
   . EC 80 ĝis Paris - TGV 867
   . R 482 - - TGV 869
   . EC 42 - - R 473

2. El HAMBURG
   . E 9473/4 ĝis AVIGNON - E 5553/3
   . 473 ĝis OFFENBURG 3260/1460 ĝis STRASBOURG, R 1573/2

3. El SALZBURG kaj MÜNCHEN
   . R 264 ĝis STRASBOURG; R 1506/7

4. El VENEZIA
   . R 5050 ĝis MARSEILLE; R 5468/9
   . 922 ĝis MILANO; 937/8 ĝis VENTIMIGLIA; 346

5. El ROMA
   . 810 ĝis GENOVA; R 5050 ĝis MARSEILLE; R 5468/9
   . E 248 ĝis NICE; E 5464/5
   . 346/7

6. El PARIS (ŝanĝo en MONTPELLIER)
   TGV 857, TGV 861, TGV 865, TGV 869, kaj R 473 (tiu lasta sen ŝanĝo)

En PERPIGNAN, vi alvenos:

| El | Tagoj | N-roj de trajnoj | Alven-horoj |
|---|---|---|---|
| Lyon-Avignon-Montpellier | ĉiutage | 378/7 | 4.53 |
| Roma-Vintimiglia-Marseille-Montpellier | ĉiutage | 346/7 | 5.12 |
| Nimes | sab.dim. | 8119/8 | 7.23 |
| Paris-Toulouse | ĉiutage | 473 | 7.40 |
| Dijon (1.06)-Avignon-Montpellier | sab. | 1506/7 | 8.39 |
| Avignon-Montpellier | sab. | 2511/0 | 10.06 |
| Marseille (7.12)-Montpellier | ĉiutage | 5458/9 | 10.46 |
| (Barcelona)-Cerbere | ĉiutage | 470 | 11.44 |
| Barcelona-Port-Bou | ĉiutage | EC 72/3 | 12.59 |
| Avignon-Montpellier | vend. | 8183/2 | 13.25 |
| (TGV-Paris 7.40)-Avignon-Montpellier | ĉiutage | 5553/2 | 14.43 |
| (TGV-Paris 10.10)-Lyon-Avignon-Montpellier | vend. | 5533/2 | 16.40 |
| (TGV-Paris 11.42)-Lyon-Avignon-Montpellier | ĉiutage | EC 70/1 | 18.16 |
| Paris-Toulouse | ĉiutage | 471 | 19.46 |
| (TGV-Paris 12.55)-Lyon-Avignon-Montpellier | vend. | 5577 | 20.05 |
| (Alicante) (Barcelona)-Cerbere | ĉiutage | 472 | 21.09 |
| (TGV-Paris 15.40) Lyon-Avignon-Montpellier | ĉiutage | 5001 | 22.42 |
| Reims-Dijon-Lyon-Avignon-Montpellier | ĉiutage | 1552/3 | 23.43 |

NOTA - La ĉi-supraj horaroj estas starigitaj laŭ vintrohoraroj, sed la someraj horaroj ne alportos gravajn modifojn.

## TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 40A IFEF-KONGRESO

**Kunsido Estraro/Komitato** (nepublika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Diskuto estrarelekto
3. Diskuto kongresproponoj
4. Diskuto budĝeto 1989 kaj kotizo
5. Situacio de terminaro
6. Diskuto pri venontaj kongresoj
7. Situacio en kelkaj landoj
8. Eksteraj rilatoj
   8.1. UEA (ekz. TEC)
   8.2. FISAIC
9. Eventualaĵoj

**Plenkunsido en du partoj** (publika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj k.s.
3. Honorigo de la mortintoj
4. Informoj pri gravaĵoj el la nepublika kunsido
5. Protokolo Katowice
6. Raportoj estraraj
   6.1. Sekretario
   6.2. Redaktoro
   6.3. Kasisto, konfirmo de la kasraporto
7. Konfirmo pri invito al la 41a kongreso
8. Kongresproponoj
9. Estrarelekto
10. Raporto de la ĉefkomitatano
11. Raportoj de la komisionoj kaj komisiitoj
    11.1. Terminara Komisiono
    11.2. Fakprelega Komisiono
    11.3. Koresponda Servo
    11.4. Komisiito por skisemajnoj
    11.5 Komitatano A de UEA
12. Resumo pri raportoj landaj asocioj
13. Laborplano
14. Resumo pri la situacio en kelkaj landoj
15. Budĝeto 1989 kaj kotizfiksado
16. Elekto revizoroj
17. Delego laŭ statuto §§ 3 kaj 7 al c)
18. Rilatoj al aliaj organizoj
    18.1. UEA (ekz. kontaktkunveno, TEC)
    18.2. FISAIC
19. Venontaj kongresoj
    19.1. Elekto de lando por 1990
    19.2. Diskuto pri pluraj eblecoj
20. Internacia Skisemajno 1989
21. Eventualaĵoj
22. Libera diskutado

**Kunsidoj de la Terminara Komisiono**

1. Agadraporto (la gvidanto)
2. Stato de nia laboro (la redaktoro de TeKu)
3. Esperanto-eldonaĵoj laŭ LG IV: amplekso, konsisto, bezonata nombro
4. Komunaj laboroj post LG IV
5. Diversaĵoj

Gernot Ritterspach, gvidanto

**Kunsido de la Fakprelega Komisiono**

1. Informoj pri la
   1.1. Faka prelego
   1.2. Fakaj aktualaĵoj
2. Raporto pri la pasinta laborperiodo
3. Kompletigo de demandaro "Jarraporto" per fakprelegaj aktivecoj
4. Kontakto kun venontjaraj kunlaborantoj por la faka prelego kaj aktualaĵoj

Inĝ. Ludoviko Sekereŝ, gvidanto

Kompilis ĉefkomitatano,
Lucien de Sutter

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI 1987

**Antaŭrimarkigo**

Kiel kutime ĉi tiu raporto estas ordigita simile kiel en la lastpasintaj jaroj. Tio faciligas la komparon kun raportoj en antaŭaj jaroj. Ni rekomendas, ke la legantoj nepre tralegu la resumon pri la landaj jarraportoj (IF 5/1987, p.75).

**Niaj mortintoj**

Ni eksciis pri jenaj personoj, kiuj por ĉiam forlasis nin:

| | |
|---|---|
| Britio: | Jack Clark |
| Danio: | Anthon Jensen |
| | Frede Rafn Jensen |
| Francio: | Gerard Horn |
| FR Germanio: | Helmut Seidel |
| | Wolfgang Zietz |
| Hungario: | D-ro Jozsef Mátáffy |
| | István Szerdahelyi |
| Italio: | Idillio Chicca |
| | Renato Ferrero |
| Nederlando: | Willem F.Hoogendijk |
| Svislando: | Emil Zuberbühler |
| | Otto Walder (11.1.88) |

Ili trovu eternan pacon!

1. **Membrostato**
La legantoj bonvolu informi sin el la plej lasta raporto de la kasisto (IF 2/1988).

2. **Interna laboro**

2.1. **Estrarkunvenoj**
La estraro kunvenis dufoje (krome en la kongreso), nome en Næstved (DK) en marto kaj en Schulenberg (D) en oktobro. La kompleta estraro partoprenis, krome kiel gasto la ĉefkomitatano. Oni pritraktis multspecajn aktualajn problemojn de la federacio kaj pri la jubilea jaro en konstrua kunlaboro.

2.2. **Ĉefkomitatano**
La ĉefkomitatano plenumis akurate siajn multflankajn taskojn. Li forsendis cirkuleron kun la demandilo (por la jarraporto) kaj pritraktis ankaŭ aliajn laŭstatutajn taskojn, ek . li kolektas la kongresproponojn

kaj publikigas la tagordojn por la kongreso.

2.3. **Vizitoj**
Estraranoj partoprenis 1987 en diversaj aranĝoj.
La prezidanto vizitis UK en Varsovio kaj la GDR-jarkunvenon. La kasisto vizitis la jarkunvenon en Hungario.

2.4. **Evoluo en kelkaj landoj**
Ĉeĥoslovakio:
En la ĉeĥa parto la asocio funkcias, sed bedaŭrinde en Slovakio la problemoj spite al multaj klopodoj ne jam povis esti solvitaj.
Ĉinio:
La ĉinaj kolegoj sukcese la unuan fojon organizis tutlandan jarkunvenon. Ili deziras fariĝi landa asocio de IFEF. La antaŭkondiĉoj estas kreitaj. La formalan konsenton de la komitato oni povos atendi en la 40a kongreso.
GDR:
Ankaŭ en GDR estas la deziro baldaŭ aparteni al IFEF. Ni kaj la estraro en GDR klopodas trovi taŭgan solvon.
USSR:
Ni klopodas konstrui kontaktojn inter IFEF kaj diversaj fervojaj asocioj. Regule ni sendas IF al USSR.

3. **Laborplano**
3.1. **Korespondа Servo**
Tiu grava servo funkcias jam kelkajn jarojn. Regule envenas multaj korespond-deziroj. La estraro kaj la komisiito Demissy rekomendas, ke la membraro utiligu la servon.

3.2. **Jubilea Jaro**
IFEF povas esti kontenta. La kongreso en Katowice estis bonega sukceso. Certe la landaj asocioj raportos detale pri siaj aranĝoj (raportos en Perpignan la vicprezidanto en la plenkunsido, punkto 12 de la tagordo).

3.3. **Junularo**
La situacio estas daŭre malkontentiga. Precipe en la okcidentaj landoj mankas intereso. La estraro bedaŭrinde povas nur konstati, ke ankoraŭ ne eblas restarigi la iaman Junularan Sekcion de IFEF. Ĉefe kulpas la personara politiko de multaj fervojoj, kaj eĉ pli la multnombraj delogaĵoj (TV, diskotekoj, aŭtomataj ludiloj ktp).

3.4. **Terminara Komisiono**
La Terminara Komisiono anoncis konsiderindajn progresojn en sia laboro por la venonta terminaro. Krome estis tradukita la nun valida CIV de Barnickel (D).

3.5. **Fakprelega Komisiono**
La Fakprelega Komisiono kiel kutime zorgis por bona funkciado de la fakprelego kaj organizado de la "aktualaĵoj el diversaj landoj" en la kongreso.

3.6. **Fervojista kontaktkunveno dum la 72a UK**
Ankaŭ en Varsovio okazis bone vizitata kontaktkunveno kun referatoj. Detalajn raportojn oni povas trovi en IF 5/87, p.68, kaj 6/87, p.85. Poste akcepto flanke de la ministerio por transporto.

4. **Aranĝoj**
4.1. **IFEF-Skisemajno**
La 28a IFES okazis de 21a ĝis 28a de februaro 1987 en Sarajevo (YU). Partoprenis 60 gekolegoj el 9 landoj (raporton vidu IF 3/1987, p.40).

4.2. **IFEF-kongreso**
La 39a IFEF-kongreso okazis de 16a ĝis 22a de majo 1987 en Katowice (PL). Partoprenis 422 personoj el 18 landoj.

Jen kelkaj gravaj programeroj:

a) Gravaj personoj de la ŝtato, de la urbo kaj de la fervojo partoprenis en la solena malfermo. La ĉefdirektoro de la fervoja direkcio Katowice, inĝ.Alexander Rodak, estis nomumita membro de la Honora Patrona Komitato de IFEF. Post la inaŭguro okazis koncerto, kiun emisiis pere de Intervizion la pola televido al orienteŭropaj landoj. Ludis la Simfoniorkestro de la Katowica Radio/ Televizio.

b) Janusz Fortuński prelegis pri elektrizado de polaj fervojoj kaj pri konstruo de ĉefa fervoja linio.

c) Tre interesa aranĝo estis la programero "Aktualaĵoj". Raportis kolegoj el Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Danio, Francio, FRGermanio kaj Jugoslavio.

d) Interesaj ekskursoj.

e) Valoraj kulturaj kaj distraj aranĝoj.

f) Pluraj intervjuoj flanke de loka radio, TV kaj Radio Polonio.

g) Post la kongreso akcepto ĉe la ministro por transporto, Kaminski, en Varsovio.

**5. Eksteraj rilatoj**

**5.1. UEA**

La kontaktoj inter UEA kaj IFEF funkcias bone. IFEF laŭeble subtenas la agadon de UEA kaj aranĝis dum la UK Varsovio kontaktkunvenon.

**5.2. FISAIC**

Kiel en la pasinteco ankaŭ 1987 la kontaktoj inter FISAIC kaj IFEF estis agrablaj. La kongreson Katowice reprezentis flanke de FISAIC s-ro Dragan Nikolić (YU).

**Fino**

Estas ĝojiga fakto, ke la gazetaro, radio ktp. ofte bone raportis pri Esperanto. Dependas nun de ni, ke la publiko ne forgesos la avantaĝojn, kiujn alportas la Internacia Lingvo. Tial estas nepre necese, ke ĉiuj membroj laŭ siaj kapabloj forte kunagas. Estus bona komenco por alpaŝi la duan jarcenton.

Lindhorst, en februaro 1988
O. Rösemann

## JARRAPORTO DE LA REDAKTEJO DE INTERNACIA FERVOJISTO

96 paĝoj de varia enhavo estis la rezulto de la 39a jareldono de IF dum 1987.

La 100jaran jubileon de Esperanto ni nur sporade reliefigis, sed menciindas la verda aldono al n-ro 3, kiu reklamis eldonon de du libroj, kies apero grave ŝuldiĝas de la IFEF-prezidanto: "La lastaj infanoj de Oldrovalo" kaj "La Fratoj Leonkoro".

La 39a IFEF-kongreso en Katowice, kiu inaŭguris serion de kongresoj, konferencoj kaj aliaj jubileaj aranĝoj, estis grava travivaĵo, kaj ni klopodis raporti pri ĝi.

Feliĉe la Aktualaĵoj el diversaj landoj daŭre postulas kolumnospacon fakte ekster niaj rimedoj. En 1987 ni devis eĉ dividi en du numerojn.

Se vi rigardas nian revuon, vi vidas, ke malmulte da bildmaterialo trovas lokon. Tio signifas, ke abundas teksta materialo, kio estas bona, sed oni povus supozi, ke malpli densa tekstamplekso logus al plia lego.

Nu, kompreneble mi ĝojas, ke sufiĉas, eĉ troas materialo, kaj mi deziras kore danki al ĉiuj kontribuintoj. Ripetendas, ke ne tro longaj artikoloj kaj multe da noticoj estas la preferinda tereno.

Raportoj kaj administraj informoj

prenas sian parton de la kolumnoj, sed ili estas necesaj por teni la ligon inter membraro kaj estraro/komitato. Kaj la resumo de jarraportoj povas doni ideojn kaj kuraĝon por la plua laboro sur landa, loka kaj persona niveloj.

Precipe ĝojiga estas la artikolo pri "Aŭtomatigo de ranĝodeklivoj en CSD-reto", ĉar kvankam speciala, ĝi estas altkvalita kaj donas prestiĝon al nia revuo kaj al nia federacio.

La laboron ni daŭrigas laŭ niaj eblecoj kaj kapabloj. Aparte dankinda estas Erna Hauge, kiu ne nur tajpas kaj pretigas por presado, sed ankaŭ pacience eltenas la kapricojn de la

Redaktoro

## RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1987

| Enspezoj: | DKK | Elspezoj: | DKK |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 41265,90 | Internacia Fervojisto | 30004,90 |
| Terminara Fonduso | 2447,40 | Estraro | 3749,30 |
| Rentoj | 84,50 | Administrado | 4190,95 |
| | | Reprezentado | 438,25 |
| | | Kotizoj | 708,00 |
| | | Terminara Fonduso | 4647,40 |
| Entute | 43797,80 | | 43738,80 |
| | | Plienspezoj | 59,00 |
| | 43797,80 | | 43797,80 |

## BILANCO JE LA 31.12.1987.

| Aktivoj | DKK | Pasivoj | | DKK |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | 622,45 | Kongresa Garantia Fonduso | | 11162,27 |
| Poŝtĝirkontoj | 16426,25 | Junulara Fonduso | | 2006,45 |
| Bankkontoj | 42271,03 | Terminara Fonduso | | 35342,60 |
| Inventaro | 4781,55 | Havaĵo 1.1.87 | 15530,96 | |
| | | Pliigo | 59,00 | |
| | | Havaĵo 31.12.87 | | 15589,96 |
| **Bilanco** | **64101,28** | | | **64101,28** |

## MEMBROSTATO

| Lando | 1987 | 1986 | Lando | 1987 | 1986 |
|---|---|---|---|---|---|
| Aùstrio | 133 | 133 | Hungario | 201 | 201 |
| Belgio | 50 | 45 | Italio | 155 | 150 |
| Britio | 30 | 30 | Japanio | 17 | 17 |
| Bulgario | 90 | 70 | Jugoslavio | 60 | 60 |
| Ceĥoslovakio | 22 | 22 | Nederlando | 42 | 44 |
| Cinio | 20 | | Norvegio | 75 | 75 |
| Danio | 65 | 65 | Pollando | 40 | 40 |
| Finnlando | 21 | 21 | Svedio | 85 | 90 |
| Francio | 210 | 210 | Svisio | 76 | 75 |
| FRGermanio | 684 | 708 | Individuaj | 4 | 8 |
| Hispanio | 130 | 182 | | | |

## KONGRESPROPONOJ

**Propono n-ro 1.**
Komitatano L. de Sutter (Belgio) en sia funkcio kiel ĉefkomitatano proponas:

Reelekti la ĝisnunajn estraranojn: J.Giessner (prezidanto), O.Rösemann (sekretario), H.Hauge (kasisto) kaj E.H.Olsen (redaktoro). De ili ne venis demisioj.

**Propono n-ro 2.**
Komitatano L.de Sutter (Belgio) proponas elekti dipl.inĝ. István Gulyás (Hungario) kiel vicprezidanto de IFEF. Vivpriskribon vidu aliloke.

**Komentario:**
La nuna vicprezidanto Per Engen el Norvegio laŭstatute demisiis. Krom la ĉi-supre proponita kolego, dipl. inĝ. István Gulyás, neniu alia persono deklaris sin preta kandidatiĝi por tiu ofico.

**Propono n-ro 3.**
Por plialtigi - la IFEF-membraron,
- la IFEF-enspezojn,

BEFA proponas novan membro-kategorion "Familian Membron" sen abono al "Internacia Fervojisto", post interkonsento kun la IFEF-estraro.

**Komentario:**
Gis nun du similaj proponoj malsukcesis, ĉar en kelkaj landaj asocioj oni timis kontraŭan rezulton!

Sed nun temas pli precize pri "Familia Membro", principe pri dua membro en la sama familio apud la asocia membro. Do tiu membro ne bezonas "Internacia-n Fervojisto-n", tiamaniere ĝia kotizo povus esti tre malalta.

Kiom ajn ĝi kostos, ĝi estos bonvena por la IFEF-kaso kaj cetere ĝi altigos la membro-nombron.

La enkonduko de tiu sistemo devus havi pozitivan rezulton por IFEF. Pro tio, ĉiu landa asocio individue, antaŭ la enkonduko de la sistemo en sia lando devos interrilati kun la IFEF-estraro kaj ricevi ĝian aprobon.

Kompreneble oni konsideros tiujn familiajn membrojn por kalkuli la nombron de komitatanoj de la koncerna lando.

**Propono n-ro 4.**
La IFEF-estraro proponas jenajn ŝanĝojn de la statuto:

1. § 13 "ĝenerala regularo" al (1d): ŝanĝi "oktobro" al "julio" kaj aldoni duan alineon:
   "Estrarano, kiu kandidatiĝas por alia estrarofico, estas kandidato ankaŭ por reelekto al sia antaŭa ofico, se li/ŝi deziras tion.
2. § 18 "ĝenerala regularo":
   La nuna frazo "La elekto okazas en jaroj kun para nombro" ŝanĝi al:
   "La elekto de prezidanto kaj kasisto okazas en jaroj kun para nombro. La elekto de vicprezidanto, sekretario kaj redaktoro okazas en jaroj kun nepara nombro."

**Komentario:**
Demisiesprimo de estrarano nur la 31an de oktobro donas tro mallongan tempon por trovi kandidato(j)n, kaj la fakto, ke estrarano, kiu pretas daŭrigi la estraran laboron, fakte ne povas kandidatiĝi por alia ofico sen la risko devi tute forlasi la estraron. La nuna sistemo kun samtempa elekto de tuta estraro ŝajnas tro rigida. Tial la propono pri pli da fleksebló en pluraj rilatoj.

La ĉefkomitatano
Lucien de Sutter



## PREZENTADO DE LA VICPREZIDANT-KANDIDATO

István Gulyás naskiĝis en 1934.

Li estas fervoja inĝeniero, vicestro de la Teknika Ĉefsekcio de la Generaldirektcio ĉe MAV.

Li esperantiĝis en 1958 kaj fariĝis IFEF-membro en 1962, UEA-membro en 1973, Prezidanto de la Centra Fervojista Fakgrupo de Budapest en 1974, Terminara Komisionano de IFEF en 1974, Komitatano de HEA de 1976, IFEF-komitatano de 1977, membro de la Fakprelega Komisiono de IFEF de 1977, Komitatano A por IFEF ĉe UEA de 1981, Prezidanto de la Fervojista Fako de Hungara Esperanto-Asocio de 1985, Fakdelegito de UEA de 1986.

Li estis Vicprezidanto de la Fervojista Fako de Hungara Esperanto-Asocio de 1980 ĝis 1985 kaj estas ĝia prezidanto de 1985.

Li partoprenis ĉiujn IFEF-kongresojn de 1978 kaj ĉiujn Universalajn Kongresojn de 1980.

Li estis LKK-prezidanto de la 34a IFEF-Kongreso de 1982 en Balatonfüred.

Li estas membro de la ŝtata lingvoekzamena komisiono pri fervojaj temoj de 1981.

Li faris superan ŝtatan lingvoekzamenon kompletigitan per fervoja fako en 1982.

Li faris plurajn gravajn fakprelegojn dum IFEF- kaj UEA-kongresoj.



Ĉemikrofona István Gulyás

Li verkis gravajn fakartikolojn por Esperanto-gazetoj.

Li estas respondeca redaktoro de la revuo "Hungara Fervojista Mondo" de 1984.

## D-RO BÁCSKAI 80JARA

La grava, ĝojiga evento de via 80a naskiĝ-datreveno estas kaŭzo, por gratuli al vi el tuta koro. Tiuj linioj venas oficiale de estraro kaj membraro de IFEF al ĝia multjara, fidela, agadema membro, al ĝia Honora Membro d-ro István Bácskai. Sed ili same venas de viaj multaj amikoj kaj tutspeciale de mi kiel via persona amiko.

Se mi bone kalkulas proksimume 30 jarojn ni kunlaboris por tiu plej nobla ideo de komuna lingvo kaj de pacoplena alproksimigo de homoj al homoj. Mi emas danki al vi en tiu momento pro ĉio, kion vi dum tiuj jardekoj faris por via kaj nia federacio. Vi faris ĝin senbrue, ĝentile, konstruktive.

En tiu momento restas nenio alia ol deziri al vi por ankoraŭ multaj jaroj kontentigan sanstaton, por ke vi povu pasigi vian vivon, kiun vi ankoraŭ nun vastskale dediĉas al kunlaboro en via hungara Esperanto-medio, kun agrablaj sentoj kune kun viaj familianoj kaj amikoj. Kaj estu ankoraŭ multaj okazoj, revidi vin en amika internacia rondo!

Sincere kaj amike Joachim Giessner
prezidanto de IFEF

## PRI MODERNA VARSTACIDOMO

Apud la franca urbo PERPIGNAN, kie okazos la 40a IFEF-kongreso, estas konstruita la plej moderna varstacidomo por transporto de frumaturaĵoj ĝis nun funkcianta sub la nomo "Perpignan-Roussillon". Ĝi estas konata de la lokaj loĝantoj kiel "Chantier-Roussillon" (Rusiljono-laborejo).

La konstruo de tiu plej moderna vasta trafikejo en Eŭropo komenciĝis la 18an de januaro 1983, kaj fakte ĝi ekfunkciis la 4an de novembro 1985. Ĝia oficiala inaŭguro fare de la prezidanto de SNCF-konsilantaro, s-ro Philippe ESSIG, okazis la 4an de decembro 1985 en la ĉeesto de pluraj altranguloj.

S-ro ESSIG montris la novan trafikejon al siaj gastoj per aŭtobuso pro la vasteco de la fervoja instalaĵaro. Nome kaj koncize:
- 5 vastaj kargokortoj komunikigaj pere de 13 trakoj;
- 1 disranĝada trak-fasko;
- 1 plurteknika laborejo.

La kostoj de tia vasta fervoja varstacidomo estas:
21,4 milionoj da frankoj pagitaj de la ŝtato,
154,4 milionoj da frankoj pagitaj de SNCF (= la francaj fervojoj).

La regionaj kaj departementaj respondeculoj akcentas, ke tiu monelspezo favoras oportunan disvastiĝon de la fervoja trafiko okaze de la partopreno en la "Komuna Merkato" de Hispanio kaj Portugalio. Estas ja konate, ke ekde la jaro 1975 nia fervoja regiona trafiko atingis sian saturpunkton. Samtempe kreiĝis ekonomia koncentrado de regionaj varoj sur vasta areo (350 ha), kie laboradas 3400 personoj en 400 entreprenejoj.

La varstacidomo "Perpignan-Roussillon" estas instalita ĉe la centro de tiu ekonomia regiona merkato. Tial ĝi proponas al kamiontransportistoj neneglektindan tempoŝparon por kolekti kaj kargi la frumaturaĵojn. Rimarkinde la transportistoj el la regiono vojiras nur dufoje (anstataŭ tri - aŭ plurfoje antaŭ la enservigo de la varstacidomo).

**Tre akcelita vartransporto** -
Tiel la transportita vartunaro dum unu jaro atingis 710.000 tunojn tiel apartigeblaj:
510.000 tunoj da ekspedovaroj;
200.000 tunoj da alprovizovaroj.

Tio estas la transporto totale de 35.000 varvagonoj kun 20-tuna portkapacito aŭ de 135 tiaj vagonoj dum unu normala deĵortago.

La varvagonoj liveras la frumaturaĵojn el la tuta rusiljona regiono al la francaj vendejoj kaj ankaŭ al la eŭropaj. Senkonteste la plej fama trafiko estas la vartrajno ĉiunokta, kiu transportas frumaturaĵojn de PERPIGNAN al RUNGIS (regiona provizejo apud PARIS) per speciala itinerhoraro. starto de PERPIGNAN je 19a horo - alveno ĉe RUNGIS je 4,15a horo! La maksimuma rapideco permesata por tiu rekorda trajnveturo estas 140 km/hore.

Kompilis kaj tradukis G.MAZAUD

## ANONCO

Malnovaj numeroj de **Internacia Fervojisto.**

Ĉe la redaktejo de IF kuŝas ekstraj ekzempleroj de la revuo.

Nenovaj, t e numeroj de 1985 kaj antaŭaj jaroj, estas haveblaj por uzo inform- kaj propagandcele.

Ĉiu el ni devas daŭre klopodi plialtigi la membronombron de IFEF, kaj se vi povos utiligi tiujn nenovajn ekzemplerojn, mendu ĉe la redaktejo indikante nombron kaj celon.

Redaktoro

## KONGRESA SENDRICEVILA STACIO

Voksigno: FE 6 CLV/P

Ni, esperantistaj radio-amatoroj, intencas aranĝi sendricevilan stacion por informi la tutan mondon pri nia kongreso.

Elsendoj okazos ĉiutage, ekde la 4a ĝis la 9a de junio, ĉu matene, ĉu vespere laŭ la ekskursa/distra programo.

**ESPERANTAJ FREKVENCOJ**

Cirkaŭ 3766 Kc - 7066 Kc - 14266 Kc - 21266 Kc - 28766 Kc laŭ la onda propagado.

Kléber FE 6 AX F

* * *

**ILERA INFORMAS**

ILERA = Internacia Ligo de Esperantistoj-Radio-Amatoroj

ESPERANTAJ RADIO-AMATOROJ
ESPERANTAJ RETOJ (ILERA)

Ciusemajne esperantaj radio-amatoroj parolas sur la ondoj je la tagoj, horoj kaj frekvencoj ĉi-subaj:

| | |
|---|---|
| LUNDE | je la 08.30 (UT) Frekvenco 7066 Kc ± 5 (Eŭropa reto)<br>je la 12.30 (UT) Frekvenco 14266 Kc ± 5 (Monda reto) |
| MARDE<br>MERKREDE<br>JAŬDE<br>VENDREDE | je la 08.30 (UT) Frekvenco 7066 Kc ± 5 |
| SABATE<br>DIMANĈE | je la 12.30 (UT) Frekvenco 14266 Kc ± 5 (Monda reto)<br>je la 20.30 (UT) Frekvenco 14266 Kc ± 5 (Sud-Amerika reto) |

Fervojistaj radio-amatoroj: aŭskultu kaj partoprenu en niaj retoj.

## JARKUNSIDO DE FERVOJISTAJ ESPERANTO-GRUPOJ EN ĈINIO

La 9an de novembro 1987 dekoj da delegitoj de la Fervojistaj Esperanto-Grupoj el diversaj lokoj, kiaj urboj Tianjin, Guiyang, Xi'an, Hohhot, Baotou kaj provincoj Hunan kaj Hubei, ĝoje kolektiĝis kune kaj faris varman kunsidon en du tagoj en ĉefurbo Pekino.

La Jarkunsidon prezidis s-ro Li Sen, prezidanto de FEGĈ. En sia inaŭgura parolado s-ro Li Sen diris, ke okaze de la centjara jubileo de Esperanto, la kunvoko de nia jarkunsido havas aparte gravan signifon. Ĝi certe antaŭenpuŝos nian movadon al pli granda sukceso.

En la nomo de Ĉina Esperanto-Ligo, s-ro Zhu Mingyi, ĝenerala vicsekretario de la ĈEL, esprimis varman gratulon al diverslokaj fervojistaj esperantistoj pro la okazigo de la jarkunsido.

En la kunsido s-ro Han Zuwu el Tianjin, vicprezidanto de FEGĈ, faris raporton pri aktivado de membroj de Unuiĝo de Fervojistaj Esperanto-Grupoj de la tuta lando. Oni funkciigis Esperanto-kursojn unu post alia, elkulturis multajn aktivulojn, eldonis Esperanto-revuojn, esperantigis prospekton de lokoj laŭlonge de fervojlinioj, kompilis fervojan vortaron, partoprenis en la ĉiĉeronado por kongresanoj de la 71a Universala Kongreso, gajnis premion en oratora konkurso kaj tiel plu.

Post la kunsido ĉiuj delegitoj vizitis la Memorhalon de Zhan Tianyou, fondinto de Ĉina Fervojo, kaj la Grandan Muron ĉe la monto Badaling.

- de s-ro Han Zuwu
Tianjin, Ĉinio

## ĈU VI SCIAS, KE ...

... karbontransporta trajno sur fervoja linio de la korporacio Norfolk & Western (Usono) transportis en la jaro 1967 40.000 tunojn da karbo en 500 vagonoj? La trajno estis tirita per 6 lokomotivoj kun totala povumo 12.000 kW. La trajno estis 6 km longa kaj dum forveturo ĝi per streĉiĝo de la kupliloj "plilongiĝis" per 200 metroj.

## NEKROLOGOJ

Otto Walder (CH) forpasis la 11an de januaro 1988 en sia 76a jaro. Amiko forlasis amikojn. Tiuj tri vortoj karakterizu lin kaj lian vivon por Esperanto. Estis vivo, kiu konsistis el ĉiama laboro kaj agado por tiu ideo, kiun li estis ekkoninta jam en frua aĝo kiel noblan celon, por kiu valoris aktivigi ĉiujn fortojn.

Kiel fervojisto li laboris ĉe la Svisaj Federaciaj Fervojoj kiel lokomotivestro. En 1933 li esperantistiĝis. Jam du jarojn poste li akiris la superan diplomon de la Svisa Esperanto-Societo. Ek de tiam seninterrompe li havis ĉiujn eblajn oficojn en la Svisa Esperanto-Societo kiel redaktoro, asesoro, kasisto, sekretario, vicprezidanto kaj prezidanto kaj fariĝis ties Honora Membro. Krome li estis UEA-delegito dum pli ol 40 jaroj kaj dum jardekoj prizorgis la svisan libroservon. Memkompreneble li ankaŭ estis fervojista fakdelegito. Li atingis, ke la strato, kie li loĝis, estis nomita "Esperantovojo". Li kunlaboris kiel vicprezidanto en la LKK-oj de la 7a IFEF-kongreso 1955 en Zürich kaj de la 24a 1972 en Lugano.

En 1964 venis la momento, kiam li, kiel unua persono en la historio de postmilita IFEF, enkondukis la periodon de internacieco en la estraro. Kvar jarojn li oficis kiel vicprezidanto de IFEF, ĝis kiam li fine transprenis en Varna 1968 sian lastan estrarfunkcion, nome tiun de kasisto ĝis 1974.

Pro siaj meritoj en la fervojista movado li estis honorigita en 1974 flanke de FISAIC per ties plej alta distingo, la ora medalo, en 1975 flanke de IFEF kiel Honora Membro.

Jen krudaj vortoj, kiuj ne sufiĉas, por eĉ nur mencii ĉion, kion Otto Walder faris por ni kaj por nia ideo. Li neniam ripozis, nek private - ekzemple en sia amata ĝardeno - nek en la Esperanto-medio. Kiam oni bezonis lin, li estis preta, ankaŭ post la demisio el la IFEF-estraro. Al li oni senkompromise povis fidi. Kiam li transprenis taskon, oni povis esti certa, ke tio funkciis. Per siaj ideoj li konstruktive kunlaboris en la evoluo de IFEF. Kaj lia ĝentila, objektiva diskutmaniero faris en la evoluo de IFEF. Inter alie li estis unu el la patroj de la nuna komitatosistemo. Kaj lia ĝentila, objektiva diskutmaniero faris laboron kun li plezuro.

Multaj membroj de IFEF, kiuj konis Otto Walder, perdis amikon. Vere: amiko forlasis amikojn. Ni ne forgesos lin.

Al la vidvino kaj familio ni kondolencis per floroj.

prezidanto

## INGVARD KENSING

**16.05.1920 - 24.02.1988**



Honora membro de IFEF kaj de DEFA, dufoja LKK-prezidanto, landa prezidinto, kelkjara sekciestro de Dana Fervoja Libertempa Asocio kaj multo alia Ingvard Kensing forpasis, preskaŭ 68jaraĝa.

Neimageblan influon pri la dana kaj certagrade la internacia fervojista esperanto-movado havis Kensing. Li estis administranto "par excellence". Li multege agis mem, jes, sed li sciis laborigi siajn kunulojn, donante al ili precize formulitajn taskojn.

Jam de la komenciĝo de DEFA kaj IFEF Kensing agis, kaj kvazaŭ astro li rapide leviĝis sur la esperanta firmamento.

Tri IFEF-kongresojn li kunaranĝis: La 1an (1949) kiel LKK-kasisto, la 10an kaj 25an kiel LKK-prezidanto.

Oni eble pleje komprenas lian signifon per tio, ke dum la 25a IFEF-kongreso en 1973 Kensing estis nomumita Honora Membro de IFEF. Li estis la ĝis nun sola persono, kiu ricevis tiun honorigon dum ankoraŭ aktiva oficado.

Kiel DEFA-kasisto 1949-1953 kaj DEFA-prezidanto 1953-1963 (÷ 1 jaron en 1960) li estis la ĉefa motoro de la konstruo kaj evoluo de DEFA.

En 1973 li verkis la historion de DEFA 1948-1973, 24paĝa kajero kun 32 aldonoj, pere de kiu oni povas flari la enorman laborkapablon kaj ideriĉecon de Kensing.

Tamen ne nur la libertempa laboro de Kensing estis perfekta. Ankaŭ lia deĵormaniero kiel konduktoro kaj trajnestro estis sekvinda, ĉar akurateco kaj ĉarmeca disciplino ĉiam regis ĉe li.

En 1981 DEFA nomumis lin Honora Membro, sed nelonge post tio malsano baris la vojon de efika laboro, kaj siajn lastajn jarojn li pasigis en kreskanta malfacileco, kaj li estis modele prizorgita de sia edzino Else, al kiu niaj kondolencaj pensoj kaj sentoj nun iras.

Estingiĝis esperanto-flamo, sed la memoro pri giganta homo restos.

E Henning Olsen

## INFORMO

### "Heroldo" translokiĝas kaj pliboniĝas siajn servojn

En sia 67jara internacia vivo, "Heroldo de Esperanto" - la dua plej legata kaj la plej ofta periodaĵo en Esperanto - trapasis kelkajn etapojn: ĉiu el ili signifis por la gazeto gravan svingon kaj esencan progreson.

"Heroldo" naskiĝis en Kolonjo en 1920 fare de Teo Jung, sed rifuĝis al Nederlando kun sia fondinto antaŭ la Dua Mondmilito, por savi sin de naziaj persekutoj.

En 1962, la nuna redaktorino transprenis la gazeton al Bruselo kaj flegis ĝin tie 17 jarojn.

En 1979, "Heroldo" denove sekvis la redaktorinon: ĉifoje temis pri Madrido, kie la edzo, Gian Carlo Fighiera, deĵoris dum 9 jaroj kiel funkciulo de la Monda Turisma Organizaĵo.

Nun, komence de 1988, li definitive revenos al sia naskiĝurbo, kie li fruemeritiĝos kaj laboros kiel sendependa konsilisto pri kongresa turismo.

Tial "Heroldo" daŭrigos sian aperadon en Torino, la historia ĉefurbo de Italio.

Bonvolu ne plu sendi korespondaĵojn al Madrido, sed uzi la novan adreson: **Ada Fighiera-Sikorska, "Heroldo de Esperanto", Via N.Sandre 15, I-10078 Venaria R.-Torino (Italio).**

## ENHAVO



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en majo, estas 10.4.1988.

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved